2/98

Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

# Resolidiĝo sur malpli alta nivelo

**Preskaŭ ĉiam ni spertas saman fenomenon: membrokunvenon de TEĴA dum UK ĉeestas multnombre kongresanoj, sed inter ili estas nur malmultaj membroj de nia fak–asocio. Ĝi ĝenerale trovas vastajn intereson kaj atenton, sed membri volas preskaŭ neniu el la interesatoj. Same okazis dum la ĵus pasinta UK en Montpeliero.**

La membrokunvenon prezidis Stefan Maul kaj Paul Gubbins (pri detaloj legu la protokolon sur paĝo 2), aliaj estraranoj pro diversaj kialoj ne povis veni al la UK. La estraro povis konstati, ke TEĴA ja perdis membrojn dum la pasintaj jaroj, sed ankaŭ perdis siajn ŝuldojn, precipe danke al la fakto, ke la asocio rezignis pri eldono de *Internacia Ĵurnalisto* en formo de fakrevuo aŭ almanako. Tio okazis, kiel emfazis IĴ–redaktoro S. Maul, ne nur pro manko de mono sed ankaŭ pro manko de materialo. Sekve TEĴA resolidiĝis finance sur malpli alta nivelo: malmultaj membroj, sed bona kasostato.

La raportoj montris, ke escepte de la trejnkurso preskaŭ nenio aktiva okazas en la aosocio. Aperis la cirkuleroj, sed manko de vera fakrevuo efikis malintereson ankaŭ en landaj sekcioj. Leviĝis demandoj pri celoj de TEĴA kaj ĝia revuo, ĉu ĝi laboras por spertaj (eĉ profesiaj) ĵurnalistoj aŭ por amatoraj kaj nespertaj, kiuj bezonas trejnadon. Oni konstatis la dilemon, ke ja membras spertaj ĵurnalistoj kaj redaktoroj, sed ne la aliaj, kiuj bezonus helpon. S. Maul pluran fojon atentigis, ke ĉiu asocio devus pagi TEĴA-kotizon por sia redaktoro – tiel nia asocio estus sufiĉe (finance) forta por eldoni fakrevuon, kiu utilas al ambaŭ grupoj, spertaj kaj novaj ĵurnalistoj, kiel estis dum la unuaj jaroj post la refondiĝo.

Se oni atingu la celon, kiun UEA strebas per Kampanjo 2000 – levi la prestiĝon de Esperanto – ĉiunivele, necesus precipe ankaŭ plialtigi la nivelon de Esperanto–gazetoj. TEĴA–estraro emfazis, ke la asocio ja pretas servi al tiu celo, sed ke ĝi ne povas devigi nekvalifikitajn ĵurnalistojn membriĝi kaj profiti el servoj kaj helpoj de la asocio kaj la fakrevuo. Do en tia situacio ne restas alia vojo, ol vivteni la asocion sur malalta nivelo.

La membrokunveno elektis estraron, kiu restis sama escepte de Paul Peeraerts, kiu ne plu kandidatis. Do nun ni havas nur kvar estraranojn, post koncerna ŝanĝo de la statuto.
Stefan MAUL

# Sukcesa seminario

**Vigla diskutado kaj valoraj kontribuoj de l' partoprenintoj karakterizis la seminarion pri kontaktoj al amas–komunikiloj, kiun UEA organizis dum la UK en Montpeliero.**

Bedaŭrinde nek UEA–komisiito pri informado, Kalle Kniivilä, nek Andreo Pettyn, kiu parolu pri kontaktoj al aŭdvidaj komunikiloj, povis veni, tiel ke la tuta ŝarĝo por la kvarhora seminario kun entute ĉ. 50 ĉeestantoj restis sur Stefan Maul. Li enkondukis la temon per priskribo de problemoj, kiujn ĝenerale esperantistoj renkontas en siaj kontaktoj al ĵurnalistoj; precipe li avertis, ne atendi komprenemon kaj simpation, ja male: ne malofte ĵurnalistoj havas antaŭjuĝojn kaj rifuzemon eĉ pli fortajn ol ordinaraj ne–informitaj homoj.
Poste la preleganto donis detalajn konsilojn, kiel agadi sur la diversaj niveloj loka, regiona, tutlanda kaj eventuale internacia. Resumon de tiuj konsiloj ĉiuj seminarianoj ricevis sur A4–folio. Sekve estiĝis mirige vigla diskutado kaj interŝanĝo de bonaj kaj malbonaj spertoj, el kiuj sendube profitis tre multaj ĉeestantoj. Unu el la centraj problemoj estis la neniam evitebla demando pri la nombro de Esperanto–parolantoj. Al tio kontribuis ankaŭ UEA–prezidanto Lee Chong–Yeong, klarigante kion li kutime respondas al tiu demando, nome donante statistikojn pri UEA, nombro de E–gazetoj kaj radiostacioj, kiuj elsendas programojn en la lingvo internacia.
Entute, laŭ la eĥo, ĉiuj estis tre kontentaj pri tiu ĉi seminario; oni do povas rekomendi, regule aranĝi tiajn trejn–kunvenojn. Ni memorigas, ke simila seminario de TEĴA dum la UK en Prago estis same bone akceptita.
sm

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*

cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio
Redaktofino de tiu ĉi numero: 5 sep 98
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Estraro de TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso 100103.3317@compuserve.com
Sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio; ret-adreso (syama@dokkyo.ac.jp)
Estrarano: Aleksander KORĴENKOV
Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN
Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando
Membrokotizo: 20,00 germanaj markoj aŭ 13,50 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

## Pardonpeto

Ĉi–loke en la antaŭa numero mi asertis, ke nun tri membroj de TEĴA troviĝas en la Akademio de Esperanto. Bedaŭrinde mi pretervidis, ke ankaŭ Donald Broadribb estas akademiano. Mi petas pardonon.
La en la sama notico menciita konsultejo, cetere, jam estas preparata.
sm

## Statutŝanĝo

aprobita de la membrokunveno en Montpellier
Paragrafoj 4.2 / 5.3 / 8.2 kaj en la reglamento: „sekretario“ anstataŭ „ĝenerala sekretario“.
Paragrafo 4.2: minimuma nombro de estraranoj nun estas 4 (antaŭe 5).
Bonvolu noti tion en via ekzemplero de la statuto.

# Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

**Protokolo de la membrokunveno de TEĴA, Montpellier, 2a de aŭgusto, 1998, 15.00 h**

Partoprenis 16 membroj, inkl. de prezidanto kaj vic–prezidanto, kaj 30 ne–membroj.
Pardonpetis pro neĉeesto estraranoj Yamasaki, Korĵenkov, Peeraerts.
1. Malfermo: La prezidanto, Stefan Maul, malfermis la kunsidon kaj bonvenigis ĉeestantojn.
1.1. Elekto de protokolanto: Paul Gubbins konsentis protokoli.
1.2. Akcepto de tagordo: La tagordo estis akceptita.
2. Agad-raportoj: SM atentigis, ke raportoj jam aperis en *Internacia Ĵurnalisto.*
2.1. Financoj: SM komentis, ke la kaso resaniĝis danke al i. a. neregula eldono de IĴ.
2.2. Trejnkurso: PG ĝisdatigis la raporton aperintan en IĴ (tri afrikaj studantoj de Will Green kredeble rezignis pri la kurso).
2.3. Sekcio-raportoj:
Bulgario: pro financaj krizoj la sekcio (samkiel BEA) preskaŭ mortis; Pollando: nenio.
Demandoj/proponoj/komentoj:
Ĵak Le Puil proponis, ke la kasisto ĉiu–jare sendu al membroj kotizo–memorigilojn.
Gilbert Ledon forte kontraŭis malfondon de TEĴA; malfondo estus „katastrofa“.
3. Ŝanĝo de statuto: unuanime akceptita.
4. Senŝarĝo de estraro kaj kasisto: aprobita, kun tri sindetenoj.
5. Elekto de la estraro: Kandidatis Stefan Maul (prez.), Paul Gubbins (vic–prez.), YAMASAKI Seikô (sekr.), Aleksandro Korĵenkov (estrarano) Notite, ke Paul Peeraerts rezignis pri kandidateco.
Membroj aprobis la kandidatojn (12 por, 0 kontraŭ, 4 sindetenoj). SM dankis pro la subteno de membroj.
6. Buĝeto: YAMASAKI ne povis prepari detalan buĝeton sed SM atentigis, ke la kaso–stato estas pli pozitiva ol en la IĴ–raporto. Oni povos eventuale eldoni almanakon. Buĝeto aperos en post–kongresa cirkulero al membroj.
7. Internacia Ĵurnalisto:
SM komentis, ke IĴ ne bone funkcias pro manko de taŭga materialo. Do TEĴA restos ĉe cirkulero, kiu aperos maks. 4 fojojn jare.
Istvan Ertl petis, ke fakartikoloj ne estu ekskluditaj el cirkulero kaj starigis diskuton pri TEĴA mem: ĉu ĝi ekzistas por bonaj ĵurnalistoj aŭ por amatoraj. Konsentite, ke TEĴA ekzistas por servi ambaŭ.
Jorg de Mulder (FEL) diris, ke memorigaj leteroj (vidu 2, supre) ne kaŭzos problemojn kaj ke per tiaj leteroj oni povos revivigli membraron.
Laszlo Szilvasi, dirinte, ke necesas reta TEĴA–bulteno, deklaris sin preta dissendi informon pri TEĴA al membroj kun retadresoj.
8. Diversaĵoj:
Istvan Ertl petis, ke *Monato*–redaktoroj rezignu pri siaj honorarioj por subteni TEĴA–on; li ankaŭ pledis por reviviglo de Premio Privat kaj proponis kiel premioton Rene Centasse. Konsentite, ke oni ne povos honori Centasse sen la kunaŭtoro (de L'homme qui a defie Babel) Henri Masson. La estraro diskutos la proponon.
Laszlo Szilvasi ofertis retpaĝon al TEĴA, kiu montros i. a. statuton, protokolojn, kunveno–raportojn. La estraro diskutos.
Kun dankesprimoj la prezidanto fermis la kunsidon je la 16.15 h.
PPG (protokolinto)

---

## Ĉu vi pagis vian kotizon?

Se ne, vi trovas en apudaj kestetoj ruĝajn krucojn pri la koncernaj jaroj. Por plu ricevi la cirkuleron, nepre pagu tuj!

1997 ☐

1998 ☐